# PENSEO

N-ro 240

okt. / 2011

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 22-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Mikaelo Bronsxtejn (Rusio)



### Sentitola

Nia tempo ŝancela,
bobelanta foir',
gvate ĉasas nin ĉe la
apudvera delir',
kaj, kaptinte la predon
dum penega misfar',
lasas tiun sen kred' en
lupoplena arbar'.

Kion faru por sav' do
l' kompatinda lasit',
se ne eblas forsalto
el la peka pasint'?
Ne efikas l'instru', kaj
ne kuracas la drog':
tiuj trukoj – perukoj
por la kalva mensog'.

Abstinencon preferas
prudentul' al obstin'.
Ĉiesulo danĝeras
pli ol ĉiesulin'.
Freneziĝ' poioma
pro maltrafa aŭgur' -
jen elir' el malhoma
mediet', kie nur

kojnodentoj atutas
kontraŭ ruza timem';
oni bonas, se mutas
aŭ perfidas sin mem.
Ne videblas eĉ pad' en
la danĝera densej',
kiu gvidus travaden
kaj venigus al hejm'…

Sed karesu la sorton
ĉe l' despera kulmin'
kaj impetu nur sor kun
honestec' en la sin'.
La blekad' rabobesta
tie, sube, en for',
restu sonĝo molesta
de l' hezita angor'.

## Josip Pleadin (Kroatio)



### VALLIS AUREA

Vi estas mia *vallis aurea*,
vi, ora valo de mia pasint',
mia eterna amo tenera,
mia mielo kaj mia absint'.

Vi estas mia sekura relo,
mia gardanto kaj mia konsil',
mola kuŝejo, protekta ŝelo,
nutraĵo, akvo, plej forta armil'.

En fremda mondo lazuro mankas
de via ĉielo kaj via sin',
verdaĵo via, plenstela nokto,
ho, *vallis aurea*, utero de patrin'.



## Roseha (Francujo)

### Libero

Pri la infanaj soldatoj,
Senditaj en la militon,
Libero, ĉu vi tremas ?
Kiam juna kamikazo
Subite sin bruligas,
Libero Kie vi estas ?

Kiam blondaj aù brunaj.
Geknaboj
Vendas sian naivecon,
Libero, ĉu vi povas
Elteni ?
Kiam ses milionoj
Da animoj forflugis
El flamoj,
Kial do vi silentis ?

.Kiam oni perfortas
Junulinon,
Kiam familio perdas
Tegmenton,
Kiam hundon oni ĵetas
Survoje dum feriadoj,
Libero, kial vi mutas ?
Por la bestoj nomataj,
Simbole, « La homaro »,
Libero, kiu vi estas ?

Kaj Libero respondas :
« Mi estas vivanta flamo,
Mi enŝovas min en luktojn,
Kies novaj printempoj
Elŝprucos,
Kies aliaj vidpunktoj
Naskiĝos !
Tiam nomo de « homaro »
Similos al mia nomo
"Libero"…..

## Blazio VAHA (Hungarujo)



### Ursido

Dum la estrara kunsido
plendis, ploris an-ursido,
oni longe, ve, kunsidis,
la ursido dormemiĝis.

Ju pli oni diskutadis,
ju pli longe kunsidadis,
des pli ofte ĝi oscedis,
al dormem' tamen ne cedis...

Ĝin admonis estr-ursin', ja,
sed - braviĝis la ursid' kaj
ekparolis dum plu sido
antaŭ l' fino de' l kunsido:

Mallongiĝu jam kunsidoj,
rapidiĝu findecidoj,
eble en etapo nova
ne plendemos ni ursidoj.

Se plu restos an-ursidoj.

## Ŭel (Brazilo)



### MANTRO JE VIV'

Ni estu, igu feliĉaj
Aliajn kun poezi', prozo
Pro afablo oni danku
Per kis', leter' kaj per rozo

Anstataŭ stulta rabi'
Pli plaĉas al vivo ornam'
El pensoj bonfaraj, kaj per
Iom da rid', manpremoj, am'

Rigardu ni marojn, florojn:
Emas viv' vigle al la bel'
En oron akrajn momentojn

Ni ŝanĝu kun nia cizel'...

## Blanka rozo

Nokta rozo!
Kio pli mankas?
Ĉu mankas io?
Mankas neni'

Blanka rozo
Ĉe l' nokt' vi flankas
Anatomio
De am', pasi'

Vin ĵus mi fotis
Ĉar nur mi notis
Vin super la mur'
Vin lulis en silent'
Tiam paseta vent'
Sed tion notis ni nur



## Cezar (Germanujo)



## Lasu min en paco

**(poemo por erinacoj)**

"Lasu min en paco!"
krias erinaco
sur la urboplaco
kun granda aŭdaco.

Sed la aŭto ridas,
tiom pli rapidas.
La gvidisto gvidas.
Li tute senbridas.

Sekvas laŭta knalo,
krioj, splitoj, falo:
"Besto! Ve! Vandalo!
Ho, jen! Ĝi! Skandalo!"

"Lasu min en paco",
flustras sur la placo
eta erinaco
kun sanga grimaco.



## Nazaré Laroca (Brazilo)



## Muziko omaĝe al Zamenhof

Dankon, Zamenhof!

Dankon, Zamenhof kara!
Koran dankon pro ESPERANTO!
Tia mirinda ŝlosil',
Kiu malfermas
La koron de l' homar'....

Dankon, nia Majstro kara!
Koran dankon pro ESPERANTO!
Nia bela lingvo internacia
Per kiu ni povas kunvivi en fratar'!
(96-a UK / Kopenhago – 2011)

## MOMENTO

Milda vualo el lumo
Ektuŝas mian vangon
Kiel fluganta kiso.

El la sino de la vento
Bruas kanzono de birdoj

faritaj el feliĉo.

En ĉi tiu unika momento
ŝajnas, ke Dio
ĵus ekripozis por amuziĝi.



## Paŭlo Sena (Brazilo)



### PRAHOMARA ORDO

Jen ĝi, sur tiu ĉi strata polvo:
La forfluganta nigra rozo.

Kaj kri', al kiu naskiĝis buŝo:
La elkraĉanta vorta pluvo.

Pro ni, pro nia prabesta sino,
Jen sociala homa krimo.

Jen tri: numer'! Sanktigitaj Dioj
De nenombreblaj fiaj idoj.

Ebri', prudent' el senkapa korpo,
Duonfalanta viva morto.

Simi', kun samaj vivuloj kune:
La sencerba homar' subsune.

Al si, al propra stomako: frapo*!*
La pugnobat' al monda stato.

### KOSMAJ LIGILOJ

Iam, la 7-an de neniam,
Ekrompiĝis la intermondaj ligiloj,
Kaŭzante neatenditajn movojn.

La tero dormis en sentima trankvilo.
Atente statis nur la steloj ĉirkaŭantaj
L' aerajn limojn de l' planeda Homa lito.
Kometoj finis la kuradon kaj kaŭrantaj
Sub l' ombroj lunaj de l' ĝis nun kaŝita flanko
Konfide inter si babilis pri la manko
De l' forto, kiu kosmon gardus kontraŭ morto.

Saĝa kometo, la plej aĝa,
Elirigis vokon per vostaj lumbriloj
Kaj sendis al nekonataj lokoj:

*"Al kie fuĝis la protektoj ĉielaj?*
*Revenon nepran de ilia firma vorto*
*Komencu ĝuste nun, ĉar bazoj mondaj kernaj*
*Nuntempe tremas pro alia nova ordo.*
*Jam kosma parto dispeciĝis, jam ĝi falis…"*
La astro sian elvokadon jen deklaris,
Kun celo veki la gardantojn de l' ĉielo.

Foren vok' iris kaj enkoren
Profundiĝis neignoreblaj konsiloj.
Malhelo kosma palpebrumis rapide:
Elfore flugante venis fulmoj.
Mil feraj fulmoj traflugante tiun nulon.
Ĉevalblekado sur la ventoj tre avide,
Flugilhavajn ĉevalojn rajdis kavaliroj
Tiel, kiel malpezaj sekaj folioj.

Mondoj ĝojis pri tiu alveno,
Kvankam ili ne havis komprenon.

Kvar miloj da hufoj polvigas la senton.
Dudek mil ungoj disŝiras la tempon.
Ili ligilojn difektis ĝis fino.
La mondoj fariĝis naivaj viktimoj.

## Vitor Mendes (Brazilo)



### Emocioj

(Kantteksto)

Estante tie ĉi
mi vivas ĉi belan momenton
Kaj mi rigardas vin

kaj emocioj portas senton

Ja multas emocioj
plurmomentojn ne forgesas mi
detalojn, historiojn
naskitajn de ni tie ĉi

Amikojn gajnis mi
Kaj pro saŭdato kor' doloris
kaj foje estis vi
vidanta ke mi rideploris

Mi scias pri l' am'
kion venas de ĝi
sufer' venis min
sed mi amis ja pli
ĉu mi ridis ĉu mi ploris
nur gravas ke la emocioj ja floris.
ĉu mi ridis ĉu mi ploris
nur gravas ke la emocioj ja floris

sed jen mi tie ĉi
momenton belan mi ĝuante
kaj fronte mi al vi
la emociojn resentante

kun ĉio de l' amo
venanta al mi
kun fido portanta
l' optimismo de Di'
ĉu mi ridis ĉu mi ploris
nur gravas ke la emocioj ja floris
ĉu mi ridis ĉu mi ploris
nur gravas ke la emocioj ja floris



# La fiŝoj de l' rivero

La virgulino sin kombas
trans la kurten' en silento,
ŝia harar' estas ora
kaj la kombil' el arĝento.
Nu jen vidu kiel trinkas
la fiŝoj de l' rivero,
Vidu kiel ili trinkas
ĉar Dio iĝis bebo.
Trinkas kaj trinkas la fiŝoj pli kaj pli,
dum Dio, sur la pajlo,
ridetas jam al ni.
La virgulino lavadas
kaj sternas ĉion sur lino,
sorĉe la birdoj kantadas
kaj kreskas lino sen fino.
Nu jen vidu kiel trinkas
la fiŝoj de l' rivero,
Vidu kiel ili trinkas
ĉar Dio iĝis bebo.
Trinkas kaj trinkas la fiŝoj pli kaj pli,
dum Dio, sur la pajlo,
ridetas jam al ni.
La virgulino preparas
la vespermanĝon plej ĝoje,
dum sur azeno revenas
Sankta Jozefo survoje.
Nu jen vidu kiel trinkas
la fiŝoj de l' rivero,
Vidu kiel ili trinkas
ĉar Dio iĝis bebo.
Trinkas kaj trinkas la fiŝoj pli kaj pli,
dum Dio, sur la pajlo,
ridetas jam al ni.

*Aŭtoro: Nekonata.
Tre konata hispana kristnaska kanto.

*tradukis*



**Svena Dun (Hispanujo)**

## Xu Zhimo (1987-1931)

# Ritmo de la Maro

I.

“Fraŭlino, vi fraŭlino sola,
kial vi ne forlasi volas
la marbodron en vesperlumo?—
Rehejmeniru, vi fraŭlino fola!”
“Ho, ne, mi ne reiras hejmen,
al mi tre plaĉas la vent-brakumo.”—
Sur la sablejo, en krepuska duonhelo,
fraŭlino kun pendantaj haroj—
paŝas sen celo.

II.

“Fraŭlino kun pendantaj haroj,
kial vi paŝas kun hezito
ĉe l’ maro sub frida vualo?
Rehejmeniru, vi fraŭlino!”
“Ho, ne, aŭskultu al kantado mia,
Aĥ, mar’, mi kantu, vi ja eĥu.”
En stela lumo, en vento glacia,
kantvoĉ’ jun-ina ŝvebas en spiralo—
en ton’ varia.

III.

“Fraŭlino, vi aŭdaca!
Jam malheliĝas horizonto,
alvenos tuj la ŝtorm’ minaca—
fraŭlino, vi reiru hejmen!”
“Ho, ne, mi dancu en aero
Jen kiel mevo super ondoj.”—
En nokto, sur sablejo,
rapide pierutas svelta silueto
en gracia koketo.

IV.

“Jen aŭdu, muĝas la kolera maro,
rehejmeniru, vi fraŭlino!
Jen vidu la bestecan ondaron,
Rehejmeniru, vi fraŭlino!”
“Ho, ne, min la maro ne englutas,
al mi tre plaĉas la mara sku-barbaro!”
En tajda bru’, en ondlumo
aĥ, panikita junulino en marŝaŭmo
baraktas kun amaro.

V.

“Fraŭlino, kie estas vi fraŭlino?
Kie kantvoĉ’ sonora via?
Kaj kie via figuro gracia?
Ho, kie vi troviĝas, kuraĝemulino?”
Malluma nokto voras stelan gloron,
martajdo la sablejon kovras,
ĉe l’ mar’ videblas ne plu vi pasia—
jen vi pasia.



# Re-adiaŭado al Kembriĝo

Foriras mi malpeze
samkiel venis mi leĝere;
svingetas mi la manon
por diri ĝis al nuboj sincere.

La orumita salikarbo ĉe la bordo
Jen estas novedzin’ en sunsubira gloro;
la bela ombro en ondanta akvo
dancadas, vagas jen en mia koro.

La verdaj plantoj sur rivera ŝlimo
enakve skuas sin ja kun fiero;
volonte mi fariĝus akva herbo
en mildaj ondoj de Kembriĝ-rivero!

Lageto sub arbega ombro
ne estas font’, sed ĉielarko bela
dispecigita inter algoj flosaj,

kun ĉielarka sonĝ' fabela.

Priserĉi sonĝon? Tenu boat-stangon,
kaj remu ĝis pliverda herbprofundo,
ŝarĝite per stelbril' je boat-pleno,
kaj kantu en stelbrila pomp-abundo.

Sed mi ne povas kanti laŭtevoĉe,
ĉar senbrueco ludas fluton de disiĝo;
insektoj en somero ankaŭ mutas por mi,
ĉinokte dronas en silent' Kembriĝo.

Foriras mi malpeze
samkiel venis mi leĝere;
eksvingas mi manikojn kaj foriras
ne forportante eĉ nubpecon vere.

*Elĉinigis*



## Vejdo (Ĉinujo)

## Hugues Auffray (1929-)



(2009)

## Céline

*(tiu kortuŝa kanzono, kun sia fascina melodio, igis multaj Francojn nomi sian filinon « Céline »)*

Diru, Selin', multaj jaroj pasis,
Kial neniam ci pri edziniĝ' pensis ?
El l'fratinoj, kiuj tie estis,
Nur ci plu estas senedza.

Ne, ne, ne, ne ruĝiĝu, nu, ne ruĝiĝu.
Ci 'stas, ci 'stas plu belokula.
Ne ruĝiĝu, nu, ne ruĝiĝu.
Ci povus igi viron ama.

Diru, Selin', plejaĝa inter ni,
Kiu, anstataŭ panjo, patrinis al ni
Ĉu ci pasinte vivis por ni
Pensinte neniam al si ?

Ne, ne, ne, ne ruĝiĝu, nu, ne ruĝiĝu.
Ci 'stas, ci 'stas plu belokula.
Ne ruĝiĝu, nu, ne ruĝiĝu.
Ci povus igi viron ama.

Diru Selin', kio nu okazis
Al tiu fianĉ' kiu ne plu vidiĝis ?
Ĉu ĉar ci ne nin lasi volis
Ci lin lasis malaperi ?

Ne, ne, ne, ne ruĝiĝu, nu, ne ruĝiĝu.
Ci 'stas, ci 'stas plu belokula.
Ne ruĝiĝu, nu, ne ruĝiĝu.
Ci povus igi viron ama.

Cian vivon, Selin', ci ne fuŝis
Ni 'stas la infanoj kiujn ci ne naskis,
Delonge ja tion mi sciis,
Kaj forgesos mi neniam.

*(parolata :)*
{ Ne ekploru, nu, ne ekploru
{ Ci plu havas for-tempajn okulojn.
Ne ekploru, nu, ne ekploru.
Ni ĉiam restados apud ci,
Ni ĉiam restados apud ci.

*Elfrancigis*



## Roland Platteau (Francujo)



# Ĉineske

## Eto (Ĉinujo)

### Floroj de aroma osmanto

—laŭ ĉineska skemo Guizhixiang*

sub suna glor'
skuata en vent'
jam pretas flor'
prezenti al la mond'
bildon de or'
jen kun pompa prospero
abeloj
jam en labor'
zumas fluge
ĉirkaŭ burĝon'
por ekesplor'

finfine ja kun fervor'
aperas floroj
en flav-kolor'
kun la kapturniga
dolĉa odor'
por allogi spektantojn
la arom'
en ĉiu hor'
delikate
filteriĝas
ĝis homa kor'

**Guizhixiang (aroma laŭrbranĉo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po 11 versoj de 4, 54, 64,734,444 / 7,54,64,734,444 silaboj, laŭ rimaranĝo a,xa,xa,xxa,xxa / a, xa, xa, xxa, xxa (x=senrima)*



### Forgeso je maljuniĝo

—laŭ ĉineska skemo Heshengchao*

Je maljuniĝ' forgeso
regas sen ĉeso.
Malklaras en memoro
ĉio per deso.

Mi lasu do
sen progreso.
Troa eksceso
faligos min, nur ripoz'
estas neceso.

**Heshengchao (gratulo al sankta dinastio): ĉina fiksforma poemo el du strofoj 4 kaj 5 versoj respektive de 7,5,75 / 44,5,75 silaboj, laŭ rimaranĝo a,a,xa / xa,a,xa (x=senrima)*

## Vejdo (Ĉinujo)

### Impresoj pri Huangshui

*Kune kun retamikoj mi vojaĝis al la nacia arbara parko Huangshui, kie troviĝas unika natura pejzaĝo.*

#### 1. Survoje

—laŭ ĉineska skemo Haoshijin[1]

buse vojaĝis
ni ja kun ĝoja kor'
gaje babilante
al vidinda for'

la voj' zigzagis supren
en spirala sor'
ni preskaŭ senspiris
en stulta stupor'

#### 2. Vasta herbejo

—laŭ ĉineska skemo Shanhuazi[2]

vastas ĝi senmezure
verdaj herboj plezure
loĝas senpolucie

kaj pure

sterniĝas larĝa tapiŝ'
loge al dormo nure
kun zefiro blovanta
murmure

### 3. Verda pulmo

—laŭ ĉineska skemo Yijianmei[3]

pinoj altas ĝis ĉiel'
kvazaŭ muro
en verda bel'
la riĉan oksigenon
jen elspiras
por sana cel'

pro freneza urba ŝvel'
furiozas
noca kruel'
gravas ja l' verda pulmo
por la urba
eko-fidel'

### 4. Ŝtona miraklo

—laŭ ĉineska skemo Jiangnanchun[4]

ŝoviĝas
el la ter'
kretaj rokegoj
duraj kiel fer'
pikaj kiel ponardoj
jen la natura fier'

mirakla
bela ver'
sin montras ĉie
en pompa prosper'
karsta pejzaĝo ĉarma
restas kiel en ĥimer'

### 5. Venta fortreso

—laŭ ĉineska skemo Fengrusong[5]

la kastelo por la vent'
sonas sen silent'
hurle, muĝe kaj jelpe
en fora
la orient'
misvagas zefiro
sen onia atent'

ni por amuza prezent'
kantadas kun sent'
nur restas venta murmur'
super la roka tegment'
vanuas kantvoĉ' jam
en disblova torent'

*1. Haoshijin (proksimiĝas bona afero): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po 4 versoj de 56,65 / 75,65 silaboj, laŭ rimaranĝo xa,xa / xa,xa (x = senrima)*
*2. Shanhuazi (monta floro): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po kvar versoj de 7,7,73 / 77,73 silaboj, laŭ rimaranĝo a,a,xa / xa,xa (x= senrima)*
*3. Yijianmei (branĉo de umefloro): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun ses versoj de 7,44,744 silaboj, laŭ rimaranĝo a,xa,xxa (x = senrima)*
*4. Jiangnanchun (printempo sude de rivero): ĉina fiksforma poemo el 6 versoj de 33,55,77 silaboj, laŭ rimaranĝo xa,xa,xa (x=senrima)*
*5. Fengrusong (vento inter pinoj): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun 7 kaj 6 versoj respektive de 7,5,734,66 / 7,5,77,66 silaboj, laŭ rimaranĝo a,a,xxa,xa /a,a,xa,xa (x=senrima)*

## Maupassant (1850-1893)



## LA INFANO

Post la vespermanĝo, oni parolis pri abortigo, kiu ĵus okazis en la komunumo. La barinino indignis : « Ĉu eblas tia afero ! » La fraŭlino, delogita de buĉistoknabo, ĵetis sian

infanon en marnejon ! Kia hororo ! Oni eĉ pruvis, ke la kompatinda estuleto ne mortis ĉe la faro.

La kuracisto, kiu tiun vesperon vespermanĝis en la kastelo, raportis kun trankvila mieno hororajn detalojn koncerne la aferon, kaj li ŝajnis mirigata pri la kuraĝo de la mizera patrino, kiu akuŝis tute sola, kaj piediris du kilometrojn, por murdi sian infanon. Li ripetis : « Tiu virino, ŝi estas el fero ! Kaj kia sovaĝa energio necesis al ŝi, por nokte trapasi la arbareton, kun sia etuleto, kiu ĝemis en ŝiaj brakoj ! Mi restas konfuzegata antaŭ tiaj moralaj suferadoj. Pensu do pri la teruro de tiu animo, pri la ŝiro de tiu koro ! Kiom la vivo estas abomena kaj mizera ! Senhonoraj antaŭjuĝoj, jes, sinjorino, senhonoraj antaŭjuĝoj, falsa honoro, pli abomeninda ol la krimo, tuta amasiĝo de falsaj sentoj, malnobla honorindeco, indigniga honesteco instigas al la murdo, al la infanmortigo kompatindajn knabinojn, kiuj obeis nur senreziste al la postulema vivleĝo. Kia honto por la homaro, kiu estigis tian moralon, kaj faris krimon de la libera amrilato de du estaĵoj ! »

La baronino paliĝis pro indigno.

Ŝi rebate respondis : « Nu, doktoro, vi metas la malvirton super la virto, la prostituitinon antaŭ la honesta edzino ! La virino, kiu sin allasas al siaj hontaj instinktoj ŝajnas al vi egali la neriproĉeblan edzinon, kiu plenumis sian devon en la integreco de sia konscienco ! »

La kuracisto, maljuna viro, kiu jam tuŝis multajn vundojn, stariĝis, kaj laŭvoĉe : « Vi parolas, sinjorino, pri aferoj, kiujn vi nesciis, ĉar vi tute ne konis la nesupereblajn pasiojn. Lasu min rakonti al vi freŝdatan aventuron, kies mi estis vida atestanto. »

Ho ! sinjorino, ĉiam estu indulgema, kaj bonkora, kaj korpardona ; vi ne scias ! Malfeliĉo al ĉiuj, al kiuj la perfida naturo havigis nesatigeblajn sensojn ! La kvietaj geuloj, naskiĝintaj sen violentaj instinktoj, honeste vivas, necese. La devo estas facila al tiuj, kiujn neniam turmentas la furiozaj deziroj. Mi vidas ordinarajn burĝinojn kun la malvarma sango, la rigidaj moroj, komuna menso kaj modera koro, eligi indignajn kriojn, kiam ili ekscias la kulpojn de virinoj trafitaj en malfavoron.

Ha ! Vi pace dormas en trankvila lito, kiun la frenezaj sonĝoj tute ne hantas. Tiuj kiuj ĉirkaŭas vin estas kiel vi, ili estas antaŭgardataj per la instinkta saĝeco de siaj sensoj. Vi apenaŭ baraktas kontraŭ delogigaj ŝajnoj. Nur, iafoje via menso sekvas malmoralajn pensojn, dum via tuta korpo ribelas, tuj kiam la tenta ideo flugtuŝas vin.
Sed tiuj, kiuj hazarde naskigis pasiajn, sinjorino, ĉe ili la sensoj estas nevenkeblaj. Ĉu vi povas ĉesigi la venton, ĉu vi povas kalmigi la malkvietan maron ? Ĉu vi povas bridi la naturfortojn ? Ne. La sensoj ankaŭ estas naturfortoj, nevenkeblaj kiel la maro kaj la vento. Ili kunprenas kaj delogas la homon, kaj forĵetas ĝin en la volupton, tiamaniere ke ĝi ne povu rezisti al la impeteco de sia deziro. La neriproĉeblaj virinoj estas la senseksapetitaj virinoj. Ili estas multnombraj. Mi ne dankemas ilin pri ilia virto, ĉar ili ne bezonas barakti. Sed neniam, vi ja aŭdas, neniam iu Mesalina aŭ iu Katarina estos saĝa. Ŝi ne povas. Ŝi estas kreita por la furioza kareso ! Ŝiaj organoj ne similas la viajn, ŝia karno estas malsama, pli vibra, pli frenezigata al la pli malgranda kontakto kun alia karno ; kaj ŝiaj nervoj laboras, skuas kaj regas ŝin, dum la viaj nenion sentas. Provu do nutri nizon per la malgrandaj rondaj grenoj, kiujn vi donas al la papago ! Tamen ili estas du birdoj, kiuj havas dikan hokan bekon. Sed iliaj instinktoj estas malsimilaj.

Ho ! la sensoj ! Se vi konus ilian potencon. La sensoj, kiuj tenas nin anhelantaj dum kompletaj noktoj, kun la haŭto varma, la koro trorapida, la spirito incitadata de frenezigaj

vizioj ! Vi vidas, sinjorino, la homoj kun principoj estas tute simple malvarmaj homoj, malespere ĵaluzaj pri la aliaj, ne sciante tion.
Aŭskultu min :

« La virino, kiun mi nomos S-ino Helena havis sensojn. Ŝi havis ilin de sia eta infanaĝo. Tiuj ĉi vekiĝis en ŝi samtempe la parolo. Vi tuj diros al mi, ke temis pri malsano. Kial ? Ĉu vi, prefere, ne estus malfortiĝintaj ? Oni konsultis min kiam ŝi havis dek du jarojn. Mi konstatis, ke ŝi jam estis vera virino, kaj senĉese incitadata de amdeziroj. Nur vidante ŝin, oni sentis tion. Ŝi havis lipojn pulpajn, leĝere elstarajn, malfermitajn kiel floroj, fortikan kolon, varman haŭton, larĝan nazon, iom malfermitan kaj tremantan, grandajn klarajn okulojn kies rigardo ekflamigis la virojn.

Kiu do povus kvietigi la sangon de tiu arda besto ? Ŝi tranoktis plorante senkiale. Ŝi suferis ĝis preskaŭ morti pro resti sen masklo.
Kiam ŝi havis dek kvin jarojn, fine oni edzinigis ŝin. Du jarojn pli poste, ŝia edzo mortis pro ftizo. Ŝi senfortegigis lin. Alia post dek ok monatoj suferis la saman sorton. La tria rezistis dum tri jaroj, poste li forlasis ŝin. Estis la lasta limotempo !

Fariĝinte sola, ŝi volis resti saĝa. Ŝi havis ĉiujn viajn antaŭjuĝojn. Fine iam ŝi alvokis min, nervaj krizoj maltrankviligis ŝin. Mi tuj konstatis, ke ŝi baldaŭ mortiĝos pro sia vidvineco. Tion mi diris al ŝi. Sed ŝi estis honesta virino, sinjorino ; malgraŭ la turmentoj kiujn ŝi suferis, ŝi ne volis sekvi mian konsilon, kiu estis amorantiĝi kun iu.

En la lando oni diris, ke ŝi estis frenezulino. Nokte ŝi eliris, kaj malmodere kuradis por senfortigi sian ribelantan korpon. Poste ŝi enfalis en sinkopojn, kiujn sekvis timigaj spasmoj.

Ŝi loĝis sola en sia kastelo, kiu estis proksima de la patrina kastelo, kaj de tiuj de sia parenco. De tempo al tempo, mi vizitis ŝin ne sciante kion fari kontraŭ tiu persistega volo de la naturo, aŭ kontraŭ ŝia propra volo.

Nu, iun vesperon, ĉirkaŭ la oka, ŝi eniris en mian hejmon, dum mi finis la vespermanĝon. Apenaŭ ni estis solaj, ŝi diris al mi :

– Mi estas senhonorigata. Mi estas graveda !

Mi eksaltis sur mia seĝo.

– Kion vi diris ?

– Mi estas graveda.

– Vi, ĉu ?

– Jes, mi.

Kaj abrupte, per hakata voĉo, fikse rigardante al mi :

– Gravediĝinta de mia ĝardenisto, doktoro. Promenante en la parko, mi komencis sveni. La viro, vidante min fali, alkuris kaj ekprenis min en siaj brakoj por subteni min. Kion mi faris ? Mi ne plu scias ! Ĉu mi brakumis lin, kisis lin ? Eble. Vi konas mian malfeliĉon kaj mian honton. Fine li seksrilatis kun mi. Mi kulpas, ĉar la postan tagon, kaj ankoraŭ aliafoje, mi tiamaniere rilatis kun li. Estis senfine. Mi ne plu sciis rezisti !...

Ŝi retenis singulton en sia gorĝo, poste ŝi reparolis per fiera voĉo :

– Mi pagis lin, mi preferis tion ol la amoranto, kiun vi konsilu al mi. Li gravedigis min. Ho ! Mi senrezerve kaj senhezite konfesas tion al vi. Mi provis abortigi min. Mi baniĝis en varmegaj akvoj, mi rajdis impetegajn ĉevalojn, mi faris trapezon, mi trinkis drogojn, absintaĵon, safranon, kaj aliajn toksaĵojn. Sed mi ne sukcesis. Vi konis mian patron, miajn fratojn, ĉu ? Mi estas senhonorigata. Mia fratino estas edziĝinanta kun honesta viro. Mia honto refaltos sur ilin. Kaj pensu pri ĉiuj niaj amikoj, ĉiuj niaj najbaroj, nia nomo…, pri mia patrino…
Ŝi ekplorsingultis. Mi prenis ŝiajn manojn, kaj pridemandis ŝin. Poste mi konsilis al ŝi, ke ŝi faru longan vojaĝon, kaj iru akuŝi malproksime.

Ŝi respondis : « Jes… jes… jes…

evidente… », ŝajnante ne aŭskulti.
Poste ŝi foriris.

Mi vizitis ŝin plurfoje. Ŝi freneziĝis. La ideo pri tiu infano, kiu grandiĝis en ŝia ventro, pri tiu vivanta honto, estis enirinta en ŝian animon kiel akra sago. Ŝi senĉese pensis pri tio, tage ŝi ne plu kuraĝis eliri, ne plu vidis iun pro timo ke oni malkovru ŝian abomenan sekreton. Ĉiuvespere ŝi malvestiĝis antaŭ sia spegulŝranko, kaj rigardis sian misformiĝantan flankon ; poste ŝi sin ĵetis surplanken, kun mantuko en la buŝo por mallaŭtigi siajn kriojn. Dudekfoje nokte ŝi ellitiĝis, ekflamigis sian kandelon kaj denove iris antaŭ la larĝa spegulo, kiu reflektis al ŝi la tuberigatan bildon de ŝia nuda korpo. Tiam, frenezega, ŝi pugnofrapis al ŝi la ventron por mortigi ĝin, tiun estaĵon kiu senhonorigis ŝin. Estis inter ili terura lukto. Se ĝi ne mortis ; kaj senĉese, ĝi moviĝadis kvazaŭ ĝi sin defendus. Ŝi sin disrulis surplanke por premegi ĝin kontraŭ la pargeto ; ŝi provis dormi kun pezaĵo sur la korpo por senspirigi ĝin. Ŝi malamis ĝin, kiel oni malamas la furiozan malamikon, kiu minacas vian vivon.

Post tiuj neutilaj luktadoj, tiuj senpotencaj klopodoj por deĵeti ĝin, ŝi fuĝis tra la kampoj, kurante konfuzege, freneza de malfeliĉo kaj teruro.

Iun matenon oni levprenis ŝin, kun la piedoj en rivereto, la rigardo konfuzata ; oni kredis ke ŝi suferis atakon de deliro, sed oni rimarkis nenion.

Fiksa ideo kaptis ŝin. Demeti el ŝia korpo tiun malbenitan infanon.

Nu, iun vesperon, ŝia patrino ridante diris al ŝi : « Kiom vi dikiĝis, Helena ; se vi estus edziniĝanta, mi kredus vin graveda. »

Ŝi devis esti treege trafita de tiuj paroloj. Ŝi foriris preskaŭ senprokraste, kaj revenis hejmen.

Kion ŝi faris ? Sendube ankoraŭ ŝi longe rigardis sian ŝvelan ventron ; verŝajne ŝi batis ĝin, kontuzis ĝin, frapis ĝin ĉe la meblanguloj, kiel ŝi faris ĉiuvespere. Poste, kun la piedoj nudaj, ŝi malsupreniris al la kuirejo, malfermis la kuirejan ŝrankon kaj ekprenis la grandan tranĉilon, kiu utilas por tranĉi la viandojn. Ŝi resupreniris, ekflamigis kvar kandelojn, kaj sidiĝis sur seĝo el plektita vimeno, antaŭ sia spegulo.

Tiam, furiozigata pro malamo kontraŭ tiu nekonata kaj timinda feto, volante elŝiri ĝin el si por mortigi ĝin, fine volante teni ĝin en siaj manoj, strangoli kaj ĵeti ĝin malproksime, ŝi premis la lokon kie tiu larvo moviĝis, kaj per solnura frapo de la akra klingo, ŝi fendis al si la ventron.

Ho ! Ŝi, certe, agis tre rapide kaj tre bone, ĉar ŝi ekkaptis ĝin, tiun malamikon, kiun ŝi ne povis ankoraŭ atingi. Ŝi prenis ĝin per kruro, elŝiris ĝin el si, kaj volis ĵeti ĝin en la cindron de la fajrejo. Sed ĝi tenis per ligilo, kiun ŝi estis ne povinta tranĉi, kaj antaŭ ke eble ŝi komprenis, kion ŝi devis fari por sin disigi el ĝi, ŝi falis senviva sur la infanon dronantan en abundo de sango. Ĉu ŝi estis ja kulpa, sinjorino ?

La kuracisto silentis kaj atendis. La baronino ne respondis.

La 18an de septembro 1883

*Elfancigis*



## Noël Lecomte

## (Francujo)

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, Wujiang St., Jiangbei Distrikto,
Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Retadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ
http://gazetejo.org/eo/penseo

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊